XIIIa jaro. Nº 187 (3) ☆ Monata ☆ 5 marto 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0. 50 Fr.** (0. 20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0. 40 Fr.** (0. 16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0. 50 Fr.** (0 20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

IX

Resumo de la antaŭaj artikoloj: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. La ekzameno de kelkaj okazintaj konfliktoj. Diferenco inter pretekstoj kaj veraj kaŭzoj: — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. Pri la praktika apliko de la principo je memekzisto. La propono pri reciproka garantio de la landlimoj; ĝiaj mankoj. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo; oni do unue celu al tiu ĉi. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo.

Ni atingas nun la ekonomian parton de la pacifista programo. Tiu, kiun ellaboris la Konsilantaro de la Internacia Pac-Oficejo, proponas la liberan komercon en la kolonioj kaj, iom post iom, inter la nacioj, plie la forigon de ĉia komerca privilegio je la profito de ŝtato aŭ de ŝtatgrupo. La minimuma programo de la Centra Organizo por daŭra paco okupiĝas nur pri la reĝimo de la kolonioj, protektoratoj kaj influsferoj: ĝi postulas, ke rilate al ili la ŝtatoj interkonsentu por enkonduki la komercan liberecon aŭ almenaŭ la egalecon de traktado por ĉiuj nacioj.

La akiro de novaj negocekampoj estas, oni diras, la senpera celo de la imperialista politiko. La grandaj regnoj senĉese penas alproprigi al si novajn koloniojn, por ke ilia industrio kaj komerco profitu je ilia valorigo. Sed ĉar tia operacio postulas gravajn elspezojn de la ŝtato, tiu lasta estas nature alkondukata rezervi la profitfontojn por la propraj nacianoj, konsentante al ili privilegiojn kaj starigante protektajn tarifojn sufiĉajn por forigi aŭ almenaŭ malplidanĝerigi la fremdlandan konkurencon.

La komerca libereco tia, kia ĝin proponas la pacifistoj, ja povus esti starigata per internacia konvencio, sed tio nur duone solvus la kolonian problemon. Efektive, oni ne devas forgesi, ke malgraŭ ĉio ekzistas intima rilato inter la politika regado kaj la ekonomia potenco. Eĉ se la libera komerco en la kolonioj estus fiksata sekve de internacia interkonsento, la ŝtato, kiu havas en siaj manoj la politikan potencon, ĉiam povus *en la praktiko* rezervi specialajn profitojn al siaj enlandanoj kaj, kvankam ĝi laŭlitere respektus la traktatojn, malhelpi la liberan disvolviĝon de la komerco de l' aliaj nacioj. Tiel okazus se, ekzemple, ŝtato politike posedanta kolonion farus nenion por ĝin valorigi, pro la inercio kaj malkompetenteco de sia administracio. Per aliaj vortoj, ne ĉiuj ŝtatoj sammaniere administras, kaj tio grave influas je la ekonomia stato de regiono.

Kiam oni parolas pri komerca libereco en la kolonioj, protektoratoj kaj influsferoj, oni precipe atentas la formalan flankon de la problemo, kiu povas esti solvata per traktatoj:

libera eniro de la komercajoj kaj kapitaloj, libereco fondi komercajn instituciojn, egaleco rilate al la tarifoj de la transportiloj, justa partopreno je la publiklaboroj, k. t. p. Sed ekzistas alia flanko, kiun la pacifistaj proponoj ne sufiĉe prikonsideras. La ekonomia prospereco de kolonio dependas unuavice de la laboroj, kiuj estis plenumitaj por valorigi ĝian teritorion (fervojoj, havenoj, vojoj, sanecigado, k. t. p.). Nu, tiaj laboroj, necesa kondiĉo por efika koloniigo, ne povas esti entreprenataj sen la konsento de la reganta ŝtato, kiu ĉu mem zorgas pri ili, ĉu favoras ilian realigon per praktika helpo al privata iniciato. Aliparte, la ekonomia prospereco ne malpli dependas de la administraj metodoj. Nekompetenta, rutinema kaj maldiligenta burokrataro povas facile malhelpi la ekonomian progresadon de la plej fruktodonaj kaj plej riĉe naturdotitaj regionoj. Ĝi tiamaniere malutilas, ne sole al siaj propraj regnanoj, sed ankaŭ al tiuj de la fremdaj nacioj, kiuj ne inklinas partopreni je la valorigo de regionoj, kie la privatan iniciaton povas senĉese malhelpi la administracia mallerteco. La komercisto, la industriisto, la aferisto, kiuj rilatas kun eksterlando, ne sole atentas pri la leĝoj, kiuj regas tiujn rilatojn, sed ankaŭ pri la administracio, ĉar tiu ĉi intervenas konstante en la plenumon de lia profesio kaj altenas lin per multegaj detaloj. Oni pli facile alkutimiĝas je ĝenanta aŭ maljusta leĝo ol je ĥaosaj regularoj kaj malspritaj aŭ malhonestaj ŝtatoficistoj. La ekonomia prospereco de lando pli dependas de la taŭgeco de ĝia administracio ol de ĝia leĝaro.

La politika posedo do nedubeble reagas je la ekonomia stato. La demando pri la politika aparteneco de la kolonioj fariĝus indiferenta, je la ekonomia vidpunkto, nur se ĉiuj ŝtatoj uzus la samajn administrajn procedojn kaj agus laŭ la samaj koloniigaj metodoj. Dubinde estas, ĉu tio ekzistos antaŭ longa tempo. Vera komerca libereco estos do fakto nur kiam la kolonioj estos administrataj, ne de tia aŭ alia nacio, sed de la asocio de la ŝtatoj (ŝtatligo), kaj sekve estos internaciigataj ne sole ekonomie, sed ankaŭ politike. Dume, la pacifistaj proponoj valorus kiel duonrimedo, sed malcerte estas, ĉu la ŝtatestroj akceptos ilin antaŭ ol estos realigita la transformo de la politikaj ideoj, kiu devos konduki al la ŝtatligo.

La plimultaj pacifistoj kontraŭstaras ne sole al la kolonia, sed ankaŭ al ĉia protekcionismo. Preskaŭ ĉiuj deziras la forigon de la doganaj bariloj.

Ni ne diskutos tie ĉi la komparajn meritojn de la libera kaj de la protekta komerco. La diskutado daŭras de pli ol unu jarcento kaj verŝajne ne estas ankoraŭ elĉerpita. Fakte, la komerca politiko de la plimultaj nacioj ne orientiĝis al la libera ŝanĝado. La protekta sistemo kaj la reĝimo de la komercaj traktatoj regas nun preskaŭ ĉie. Oni ne miru pri tiu fenomeno. Kio determinas la komercan politikon de iu ajn lando, se ne la *nacia* intereso? Nu, en la nuna stato, tiu nacia intereso preskaŭ ĉiam postulas pli-malpli severan protekcionismon, laŭ la specialaj enlandaj kondiĉoj. Je la pure ekonomia vidpunkto, la demando certe estas pridisputebla, sed la komerca reĝimo de nacio ne povas esti izole konsiderata, sen priatento je la politika kaj aliaj faktoroj. Diversaj argumentoj moralaj kaj socialaj plifortigas la protekcionistan tezon. Okupiĝi pri ili estus deflankiĝo de nia temo, sed, en la nuna ŝtatsistemo, ekzistas gravega vidpunkto, kiu sufiĉas por pravigi la reĝimon de la protekta komerco, nome la nacia sekureco. La lastaj okazintajoj klare montris kiel grave estas, ke dum militkrizo, ŝtato kiel eble malplej dependu de la fremdlando. Nacia intereso estas, ke la agrikulturo estu intense disvolvigata kaj la industrio kapabla kontentigi kiel eble plej multajn bezonojn. Oni ne povas nei, ke en tiu rilato inteligenta protekcionista politiko estas kapabla favore modifi la ekonomion de lando, konservigante necesajn produktfakojn, kiuj ĉe la sistemo de libera komerco povus esti tute eliminataj de la fremdlanda konkurenco.

Aliflanke, oni ne forgesu, ke la grandaj doganaj enspezoj nutras atentindan parton de la naciaj buĝetoj kaj sekve permesas al la ŝtatoj elporti la altegajn elspezojn pro la armeoj kaj militŝiparoj.

Je la vidpunkto de la ĝeneralaj interesoj de la homaro, tiuj argumentoj estas malfortaj, sed rilate al la naciaj interesoj ili estas gravegaj. Nu, la ĝeneralaj interesoj de la homaro restas ĝis nun pura abstraktaĵo, dum la naciaj interesoj estas reprezentataj, fiksataj, prizorgataj per organaro alpropriĝita al naciaj celoj. La komerca politiko do estas dependa de la nacia intereso. Tio ekzistos ĝis ŝtatligo estos organizita. Tiam, ĉar la ĝeneralaj interesoj de la homaro ankaŭ estos reprezentataj, fiksataj, prizorgataj de taŭga organaro, la komerca politiko de la nacioj estos kondukata harmonie kun la bezonoj de la socio kaj ne plu havos ian ĉikanan karakteron rilate al ĝiaj membroj.

Aliparte, ĉar la sekureco de la ŝtatoj estos certigita, malaperos ĉe ili la timo, ke ili ne plu povas kontentigi siajn ekonomiajn bezonojn, kaj tiel unu el la ĉefaj kaŭzoj de la protekcionismo estos forigita. Fine, pro la laŭgrada malarmado, kiu estos la tuja efiko de la nova internacia ordo, la militistaj elspezoj notinde malpliiĝos en ĉiuj ŝtatoj, kaj per tio estos atingita alia faktoro de la protekcionisma politiko.

Sekve, la ekonomia sistemo dependas de la politika sistemo. Same kiel niaj kredoj determinas niajn interesojn, tiel same la ekonomio estas regata de la politiko. La protekcionismo estas la natura produkto de la reĝimo de interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi.

Krom tio, estas tute malpraktike dependigi la starigon de nova internacia ordo el la solvo de la komplikaj demandoj, kiujn nepre aperigus la forigo de la doganaj bariloj. Kvankam ili ne havas ĉefinfluon je la disvolviĝo de nia civilizacio, ĉiam superregata de la ideoj kaj sentoj, la ekonomiaj problemoj naskas multajn diskutojn kaj konkurojn, ĉar ili tuŝas je la interesoj de la individuoj kaj havas sennombrajn reagojn. La solvo de detala demando, ŝajne sufiĉe simpla, postulas ofte multe da tempo, ĝuste ĉar la proponita solvo kontraŭstaras je ekzistantaj personaj interesoj. De la tago, kiam la vasta dogana problemo estus sur la tagordo, la multaj praktikaj demandoj rezultantaj el ĝi rapide okupus la tutan atenton de la publiko, kiu baldaŭ forgesus la veran celon atingotan, t. e. internacian pacordon. Ĉar aliparte nova komerca politiko ne estos realigebla tiel longe, kiel la ĝeneralaj politikaj kondiĉoj ne estos ŝanĝitaj, ne sole la fina celo ne estus trafita, sed ankaŭ la rimedo por ĝin atingi, t. e. la starigo de la libera komerco, ne povus esti efektivigata.

Ni unue fondu ŝtatligon sur la firma fundamento de pozitiva juro, ni unue starigu ordon. Kiam la homaro ne plu estos vorto, sed reprezentos politikan organismon, la ekonomiaj problemoj de internacia karaktero povos esti ektuŝataj kaj solvataj konforme al la ĝenerala intereso. Ne antaŭe. Ĉiuj internaciaj demandoj politikaj, ekonomiaj, socialaj, ĉe kiuj la naciaj interesoj ne tute koincidas, ne estas solveblaj antaŭ ol la internacia anarkio estos eliminita.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

---

 

# SOCIA VIVO

## Kurdistano

En nuna tempo, kiam en la tuta mondo preskaŭ furiozas la milito kaj ankaŭ en Azio ĝis nun nemulte nomitaj popoloj estas je ĉies intereso, certe ne estos senutile legi ion pri la historio de Kurdistano, pri kiu oni nur trovas malmulte da informoj.

La deveno de la Kurdoj estas ankoraŭ pli malhela ol tiu de la Armenoj. Skribita historio pri Kurdistano ne ankoraŭ estas; ni trovas sole ĉe iuj orientaj kaj grekaj aŭtoroj kelkajn notojn. Universale oni kredas, ke la Kurdoj de post la plej fruaj tempoj loĝas en la pejzaĝoj, kie ili hodiaŭ estas ankoraŭ. Verŝajne ili estas idoj de la popolo, havinta en la Asiria tempo la nomon „Karda"; la antikvaj Persoj ilin nomis „Kudraha". Sekve de diversaj potencoj, kiuj en la antikva tempo regis tiujn landojn kaj sekve de la pli malfruaj almilitoj de la Seldŝukoj kaj Tataroj, la Kurdoj sin miksis kun tiuj popoloj ne perdinte siajn primitivajn tipojn kaj karakterojn.

Ĝis la hodiaŭa tago kiel sendependaj montaridoj ili restis fidelaj al la rabemeco. Kiam oni konvertis ilin je Islamo, sekvis ilian ekzemplon multaj aliaj Armenaj montarloĝantoj, kiuj en la kredo al Mahometo unuiĝis kaj tiamaniere pligrandigis ilian nombron. Estas certe, ke estas multe da Armena sango en la vejnoj de tiuj Kurdoj, kiuj en la 20a jarcento sub la regado de Abdul-Hamid faris tiom multe da nedireblaj abomenoj al la Armenoj. Se oni mem demandas la Armenojn pri ilia deveno, ili estas embarasataj; unuj diras esti aŭtoĥtonoj, la aliaj kun memcerteco diras, ke iliaj antaŭuloj venis el Irano; dume iliaj ĉefoj kaj multaj superuloj certigas esti filoj de Araba sango. Laŭ sia lingvo la Kurdoj — same kiel la Armenoj — apartenas al la granda familio de Hindo-ariaj. Ilia idiomo estas envicigata en la Armenan grupon de la Ariaj lingvoj. La hodiaŭaj Kurdoj parolas universale la „Kermandji" kun ĝiaj dialektoj kaj la „Zaza", precipe parolatan en la okcidenta Kurdistano. La diversaj dialektoj ankoraŭ estas plej primitivaj kaj nur povas esprimi malgraŭ multaj pruntedonajoj el la Persa, Armena, Turka kaj Araba lingvoj, tute limigitajn ideojn. La Kurdoj ne posedas propran alfabeton; ili uzas, se ili volas skribi, kio okazas tre malofte, la Araban alfabeton. La vilaĝanoj tute ne scias la skribon; sed la ĉefoj kaj la „Sheiks" posedas sufiĉe altan klerecon por doni la preferon al la Araba, Persa aŭ Turka lingvoj. La Kurdoj ne havas literaturon krom kelkaj popolkantoj. Senescepte ili estas sunadorantoj, sed ilia religio enhavas restojn de l' paganismo kun kristanaj enmiksaĵoj.

Ne pli ol Armenujo Kurdistano respondas al politika dispartigo. Estas nur geografia esprimo, kiu signifas la landon, loĝatan de la Kurdoj. Tiu vasta teritorio estas preskaŭ limigata en nordo per la linio de Erdzindjan-Erzerum-Ararat, t. e. la angullimo de l' Rusa, Persa kaj Turka teritorioj, en oriento per la linio de Ararat-Urmia-lago-Kermanschah (Persujo) kaj en la sudo kaj okcidento per linio de Kermanschah-Kefri-Mossul-Diabekir-Ĥarput-Erdzindjan. En tiuj limlinioj estas entenataj bona parto de Armenujo. Etnografie estas preskaŭ neeble fari precizan linion inter Armenujo kaj Kurdistano. Tamen la Armenoj formas nacion, kies vivebleco bazas sur la konstitucio de nature jam malaperintaj popoloj, dum la Kurdoj neniam eliris el sia gentorganizo. Kiel aliaj popoloj de tiu lando la Kurdoj estis iom post iom subigitaj per la potenco de la Asirioj, Persoj, Makedonoj, Partoj, Sasanidoj, Araboj, Seldŝukoj, Osmanoj kaj plej novtempe per la Rusoj. Tamen ne ĉiuj estis subigitaj de la diversaj potencoj; ekzistis dum la florado-tempo de la diversaj mondregnoj izolitaj Kurdaj princregenoj. Tion rakontas al ni la historio de Sela-Eddin, la fondinto de la Ejubita dinastio de Sirio, de Idris, kiu helpis ĉe la almilito de Kurdistano al Selim I. kaj ankaŭ skribis la unuan universalan historion de l' Turka regno, pri Sheriff-Eddin, la ĉefo de Bitlis, kiu kreis la Sheriff-Namê, la Kurdan kroniklibron.

En la XVIa jarcento sultano Selim I komencis la almiliton de Kurdistano, kiun li deprenis de l' Persa ŝaho Ismail. Multajn Kurdajn gentregnestrojn oni povis gajni sen grava perdo de sango. Idris ricevis la regadon pri organizo de la lando, kies estroj preskaŭ ĉiam estis heredaj kaj kiuj ĝuis preskaŭ plenan sendependecon. Kompreneble ili devis pagi al la sultano fiksitan tributon kaj en okazo de milito prezenti soldatojn; tamen sekve de la tro granda malproksimeco de Konstantinoplo kaj la ekstreme malbonaj vojoj, sin liberigis de tiuj devigoj la pli multaj ĉefoj, kies volo estas leĝo kaj kiuj posedis la rajton juĝi pri la vivo kaj morto de siaj subuloj. Se iam la sultano estis tro severa, kelkaj superuloj de la Kurdoj unuiĝis kaj faris fortan kontraŭstaron al la paŝao, sendita de Stambul. Dumtempe plifirmiĝis la aŭtoritateco de l' sultano; nur dum la dua duono de XIXa jarcento ĝi komencis ŝanceliĝi precipe en la militista ekspedicio je la jaro 1843 kontraŭ Bedr-Kahu, regnestro de Boĥtan. Ĝia rezultato estis la akcepto de la centra registaro de diversaj „walis" en Kurdistano, kiuj hodiaŭ ankoraŭ posedas laŭnoman aŭtoritatecon.

Politike kiel socie la Kurdoj estas dispartigitaj en „aŝirets" kaj „rajas". La unua grupo konsistas el la gentoj, kiuj estas regataj per la „agas" aŭ „bejs", kiuj ludas la rolon de veraj feŭdaloj. Ili nur pagas impostojn, ne plenumas regulan militservon kaj formas la hamidian kavalerion, kies oficiroj estas rekrutitaj el „agas" kaj „bejs". Ĉar tiu kasto de la „aŝirets" malŝatas la agrikulturlaborojn, oni lasis tiujn laborojn al la Armenoj aŭ al la Kurda kasto de la „rajas". Kontraŭe al la „aŝirets" la „rajas" ne formas popolorganizon, ne pagas impostojn, devas prezenti rekrutojn kaj estas krom tio la plej malestimata klaso en la Turka regno.

Pro manko de statistiko oni povas taksi la popolnombron de la Kurdoj je 3,000,000, el kiuj 2,000,000 vivas en Turkujo, 700,000 en Persujo kaj 300,000 en Rusujo.

Tre interesaj estas la interrilatoj al la Armenoj; kvankam ambaŭ popoloj kune vivis jam de post la plej fruaj tempoj, la antikvaj historiistoj Armenaj preskaŭ neniam citas la Kurdojn. Historiaj pruvoj de Kurdo-Armenaj interrilatoj estas datitaj de post la Osmana regado. Sekve de la izoligo de la malgranda Armenopopolo, kiu jam en la Va jarcento fariĝis kristana, ĝi devis pli malfrue multe suferi sub la musulmanaj almilitintoj. La Kurdoj, kiel fervoraj mahometanoj, fariĝis regantoj super la kristanaj Armenoj. La Kurdaj „bejs" kaj „aghas" rilatis kun la Armenoj sufiĉe amike. La Armenoj ne estis malkontentaj je sia sorto. Ankaŭ materie ili ne estis malfeliĉaj; ili pagis ĉiujare la tributon al la Kurdaj „aghas", kaj restis al ili sufiĉe por povi senzorge vivi. Sed kiam post la komenco de la regado de Abdul-Hamid la Turka registaro plistreĉis la bridon, ŝanĝis la cirkonstancoj je la profito de la kristanaj Armenoj. Ili ne plu bezonis nun tiel streĉe labori por la Kurdoj kaj malgraŭ tio ĝuis pli grandan protekton kontraŭ la rabemaj „aŝirets". Konsekvence de tio la Armenoj fariĝis grandaj terposedantoj, kaj baldaŭ propriĝis al si la kleron de la Kurdaj „rajas".

Sed kiam Abdul-Hamid, premita de la Eŭropaj grandpotencoj enkonduki la reformojn, nomitajn en la Berlin'a kontrakto, volis „farbumi" la Armenan demandon, li en sia blinda fervoreco sin turnis al la Kurdoj. Tiuj estis malkon-

tentaj je la malrapida, tamen progresanta prosperiĝo de la Armenoj, kaj pro tio plej ĝojaj pri la sekreta rajtigo de Jildis. Post enkonduko de la hamidaj regimentoj Abdul-Hamid donis liberan rajton al la Kurdaj „aŝirets„ agi rilate al la Armenoj laŭ sia bontrovo. Okazis ŝteladoj kaj kelkaj mortigoj, kiuj kun la tempo plimultiĝis. La religia fanatikeco de la musulmanoj atingis tian gradon, ke la „ŝejks“ kaj la „mollahs“ kiel fidelaj servistoj de Abdul-Hamid kredigis al la sultano pri okazinta ribelo de la Armenoj. La mortigoj kaj ŝteladoj fariĝis baldaŭ kiel masbuĉadoj kaj rabadoj, ĉe kiuj la autoritatoj donis helpon al la Kurdoj. La masbuĉadoj de Wan, Trapezunt kaj Konstantinoplo, kiuj malpurigis la Armenajn provincojn en la jaroj 1894/1896 estas ankoraŭ freŝe en nia penso. Tiel estis semita inter la Armena kaj Kurda popoloj malkonfido kaj malamo.

La junturka revolucio instigis novajn rilatojn inter la Kurdoj kaj Armenoj. La egaleco, kiu estis predikita per la Armenaj revoluciagentoj, ricevis publikan konfirmon. Estonte la Armenojn devus havi kiel la Kurdoj la rajton porti publike armilojn, same ankaŭ la honoron servi sub la standardoj, sendi delegitojn en la parlamenton, servi en oficialaj oficoj kaj libere vojaĝi. La Kurdo, kies malklero estas granda, sed kiu posedas viglan inteligentecon, sin nature demandis, kion tio signifas. Estante sufiĉe timema, se li sin ne kredas la pli forta, li sin retenas trankvile. Sed la Armenoj, kiuj momente povis porti armilojn, fariĝis siaflanke sintrudemaj, rilate al la Kurdoj kaj postulis fine ankoraŭ la punadon de la pli fruaj malbonajoj de la Kurdoj. Intempe en Kurdistano ankaŭ aperis turkopersaj konfiduloj, kiuj senhalte predikis la panislamismon. La finrezultato estis nova Armena masbuĉado. La Kurdoj atakis la vilaĝojn de la Armenoj kaj Kurdaj „rajas“ kaj deprenis iliajn brutarojn. Kontraŭe la Armenoj unuiĝis sub siaj malnovaj „fedais“ (revoluciuloj) kaj atakis la Kurdajn „rajas“. De post tiam la rilatoj inter la Kurdaj „aŝirets“ kaj la Kurdoj estas rompitaj; ili sin kontraŭstaras kiel du malamikaj armeoj. La pli nombraj, pli bone armitaj Kurdoj estas potenco en la kamparo, dum la pli bone organizitaj Armenoj havas la potencon en la urboj.

La rilatoj de la Kurdoj kaj Armenoj al la otomanaj estraroj estas treege malbonaj. La plendoj, enirantaj ĉe la Turka registaro, preskaŭ ĉiam estas la samaj. La justeco ĝuas malmultan respekton, la tribunaloj nur havas konfidon al influhavantaj personoj. Ĉiuj procesoj senutile daŭras tro longtempe. La atestantoj ludas eksterordinaran rolon ĉe la otomanaj tribunaloj, kaj ĉiu povas facile havigi al si, por mono, atestantojn. Ofte la arestitoj estas liberigitaj post certa tempo, sen ke estas konigitaj al ili la kaŭzoj de la arestado. Tiel iam estis arestita Kurdo pro verŝajna ŝafŝtelado kaj kondukita al Bitlis, kie li en la malliberejo devis atendadi tri monatojn; ian belan tagon oni lin liberigis, sen ke li estis antaŭ la tribunalo; oni simple diris al li, ke oni estis pardoninta al li, sed ke la proksiman fojon la afero ne tiel indulgeme estus finita. La Kurdo juris, ke li estis senkulpa kaj ke li estis perdinta tri monatojn de laboro, sen ke la aŭtoritatoj iam estis volintaj pruvi la kulpon aŭ malkulpon. La juĝistoj mem, musulmanoj kiel kristanoj, konsentas pri la treege malbona efiko de l' tribunalo, sed ili sin senkulpigas, dirante, ke okazas tro multe da malbonajoj kaj ke la por la montarlando uzita leĝo — kunmetita laŭ la franca kodo — estas tro libera. Sed la faktaj kaŭzoj estas aliloke, precipe en la malkapableco, partieco, maldiligenteco kaj subaĉetebleco de la juĝistoj.

Ankaŭ la ĝendarmaro bezonegas plibonigon. Plej ofte ĝi estas elektita el la loka loĝantaro kaj malbone pagata. Sen la militista disciplino ĝi estas preskaŭ maltaŭga fari iun ajn servon al la loĝantaro. La registaro estis sendinta antaŭ nelonge al Malgranda Azio boninstruatajn ĝendarmojn el Eŭropa Turkujo, kiu vere zorgis pri ordo. La famekonata rabisto Mir-Ehe, kiu dezertigis dum jaroj la distrikton Wan, estis mortigita dank' al la energio de la „Walis“ kaj ĝendarmara komandanto.

Fine la loĝantaro plendas pri la troalteco de la impostoj, pri la mankoj de ŝoseoj kaj lernejoj. La plendon speciale faras la Kurdoj; la Armenoj de post pli ol 10 jaroj starigis lernejojn je siaj propraj kostoj.

*D-ro M. Funck.*
Trad.: *R. K.*

---

## Belga rifuĝurbo en Nederlando

Kiam oni alvenas al la urbeto Uden en Nord-Brabanto (Nederlando), oni ne supozus, ke apud ĝi troviĝas vastega rifuĝejo, kie ses mil Belgoj vivas kiel en vere belga urbo. Estante en Uden por viziti parencojn, mi havis okazon viziti la rifuĝejon, kaj tiu tiel interesis min, ke mi volas provi komuniki miajn impresojn en tiu ĉi mallonga artiklo, opiniante, ke ĝi eble ankaŭ interesos aliajn personojn, eĉ al Belgujo malamikajn.

Kiam oni trairas la rifuĝejon kaj konsideras, ke preskaŭ ĉiuj Belgoj, kiuj trovas azilon tie, estas perdintaj ĉion, kion ili posedis: patrujon kaj bienojn, domon kaj hejmon, meblaron kaj ĉiujn posedaĵojn, kaj nun devas manĝi la panon donatan al ili de la kompatemeco, oni ne povas ne senti sin kortuŝata. Tamen ili ne ŝajnas malfeliĉaj. La milito tie estas tiel malproksima; ili ne plu aŭdas la tondrojn de la pafilegoj, ne plu la fajfado de la bomboj ilin terurigas; ili sentas sin trankvilaj, vivas kaj laboras en sendanĝereco je la bona saniga aero de la erikejo, kie la rifuĝejo troviĝas.

Ĉe ambaŭ flankoj de la enirejo du altaj palisegoj portas la flagojn de Nederlando kaj de Belgujo. Larĝa vojo partigas la grundon en du partoj; ĉe tiu vojo troviĝas la ĉefaj konstruaĵoj: la posteno kun malgranda malliberejo, kie ĝis nun nur kelkaj malobeemaj knaboj pasigis kelkajn horojn, la preĝejo kun pastrejo, kie kvar pastroj zorgas pri la animbezonoj de la rifuĝintoj, preskaŭ ĉiuj katolikaj, la malsanulejo, la hejmo de la flegistinoj, la lernejoj, kie 1400 infanoj ricevas instruadon de monaĥinoj kaj ankaŭ de neekleziulaj geinstruistoj, la urbdomo, kie la ĉefoficistoj laboras kaj prizorgas la administracion. Jen belga patro venas por sciigi, ke infano al li naskiĝis; jam pli ol 100 infanoj estas enskribitaj; parencoj plorantaj sciigas, ke ili estas perdintaj karulon, mortintan en ekzilo, neniam revidontan la karan patrujon; jen feliĉaj gefianĉoj, akompanataj de gajaj festuloj, deziras esti kunigataj en edzeco. La ceremonio mem okazas en la urbodomo de Uden. Al la muroj alpendas la komunikajoj gravaj por la enloĝantaro: alvoko por laboro, informoj pri diversaj aferoj de la rifuĝejo, k. t. p. Estas vera urbdomo, kvankam la konstruaĵo estas nur tre simpla, la bedoj de floroj, kiuj ĉirkaŭas ĝin, provas doni al ĝi agrablan aspekton. Ankaŭ laŭlonge la ĉefvojo troviĝas la poŝtoficejo; la rifuĝintoj povas tie forsendi siajn kartojn al familio, eble loĝanta meze de la militgrundo, al kunbatalanta patro, filo aŭ edzo. Ĉu la salutoj sendintaj al la karulo alvenos? Kiu scias! Eble li jam falis trafita de kuglo malamika, aŭ mortis en la hospitalo post longaj horoj de suferego!

Jen la laborejoj por viroj: ĉarpentejo, forĝejo, tajlorejo, fabrikejo de ŝuoj, brosiloj, korboj k. t. p. por la virinaj kudrejoj, kie mi nombris sepdekon da kudromaŝinoj, puntfabrikejo, kaj aliaj. En la barako apud la kuirejoj la legomoj por la tagmanĝo estas preparataj kaj la terpomoj senŝeligataj. En laktkuirejo la lakto por la infanetoj kaj malfortaj personoj estas disdonata laŭ ordono de la kuracistoj. Du barakoj estas destinataj al teatro kaj koncertejo; tage tiu

lasta estas okupata de ses anglaj sinjorinoj, kiuj dediĉiĝas al la homanema tasko utile okupigi la virinojn kaj geknabojn. Al la virinoj ili instruas la arton teksi tapiŝojn el la plej diversaj pecoj da lano, restaĵoj ricevitaj de tapiŝofabrikejoj. Aliaj virinoj kaj knabinoj lernas brodi, jen knabinoj fabrikas el ĉifonoj pupojn kun ridindaj vizaĝoj. Knaboj plektas pajlon kaj el ĝi fabrikas beletajn pantoflojn subŝtofatajn de helkolora flanelo. Tiamaniere multege da personoj lernas okupiĝi utile, ĉar kompreneble ne estas sufiĉe da laboro por ĉiuj en la rifuĝejo. La faritaj objektoj estas vendataj profite de la rifuĝintoj. La anglaj sinjorinoj loĝas en malgranda ligna domo. Certe la societo (Society of Friends) al kiu ili apartenas, meritas la laŭdon de ĉiu bonpensulo, ĉar la tasko, kiun ili plenumas, estas meritplena.

En la teatro societo de junuloj ludas sabate kaj dimanĉe vespere teatraĵojn, kiujn la loĝantoj povas ĉeesti siavice. Kiam mi vizitis la barakon, mi vidis la scenejon tute ornamitan de paperfloroj formantaj bedon, meze la nomo de la holanda reĝino estis desegnata el rozoj. Tiu ornamaĵo estis farita okaze de la naskiĝtago de la reĝino, solene festita en la rifuĝejo. En alia barako troviĝas legejo; meze estas longa tablo, kovrita de ĵurnaloj grandnombre senditaj de bonvolemuloj. Kontraŭ la muro estas aranĝitaj fakoj, kie oni trovas inkujon kaj skribilaron. En tiu barako estas ankoraŭ butiko. Tie oni povas aĉeti vestaĵojn, ŝuojn, tabakon kaj cigarojn, tolaĵojn, ŝtofojn kaj aliajn utilajn objektojn. Sed oni ne pagas mone! Neniu en la kampo estas devigata labori, sed tiuj, kiuj povas kaj volas, ricevas kartetojn valorantajn punktojn. En la butiko la objektoj vendotaj portas la nombron da punktoj, kiujn ili valoras, kaj tiel la rifuĝintoj povas per sia laboro aĉeti ĉion, kion ili deziras, sen mono.

En grandega magazeno estas ordigitaj la vestoj, kiuj de ĉiuj landoj precipe de Anglujo kaj Ameriko estas senditaj por la malfeliĉuloj de la rifuĝejo. Ĉapeloj kaj ĉapoj, manteloj el diversaj ŝtofoj, eĉ el silko kaj pelto, roboj por virinoj kaj infanoj, veŝtoj kaj fraktoj, pantalonoj kaj surtutoj, ŝuoj kaj ŝtrumpoj, ĉemizoj kaj aliaj tolaĵoj, ankaŭ la objektoj faritaj en la laborejoj, ĉio tio troviĝas en tiu vastega magazeno. Ne ĉio estas nova, sed malgraŭ tio en bona stato. La rifuĝintoj, kiuj bezonas vestaĵojn, nur sin turnas al la oficistoj, kiuj mastrumas tiun magazenon.

Mi vizitis ankoraŭ la manĝoprovizejon, la banejon, kie la loĝantoj povas bani siavice, la barakon, kie oni preparas la pajlon por la matracoj, la lavejon, kie la virinoj trovas ĉiujn bezonaĵojn por purigi la tolaĵon. Restas du kuirejoj: en grandegaj kaldronoj la pizosupo por tiu tago estis bolanta; kiam eksonas la horo por la tagmanĝo, ĉiuj enloĝantoj iras manĝejon, kie longaj tabloj staras. En ĉiu manĝejo mil personoj povas manĝi samtempe. La manĝaĵo estas alportita el la kuirejoj en grandaj kuvoj, kiujn portas du viroj. La manĝaĵo estas simpla, sed bone preparita, kaj la bona mieno de la enloĝantaro kaj la fakto, ke nur malmulte da personoj malsaniĝas, montras sufiĉe, ke la nutraĵo estas saniga. La pano estas farita el tritikfaruno kun la branoj; nur por la malfortuloj kaj malsanuloj oni bakas blankan panon.

Je la fino de la larĝa mezvojo la erikejo estas ekkulturita jam je 10 hektaroj, kaj tiu laboro estas daŭrigata kiel eble plej multe.

Precipe la farmistoj kaj terlaboristoj trovas tie al si konatan kaj utilan okupon. La metiistoj havas apartan laborejon, kie oni fabrikas lignajn domojn, kiuj povas esti kunmetataj kaj dismetataj en nur kelkaj horoj. Tiuj domoj havas tre agrablan aspekton, la plej malgrandaj havas du ĉambrojn, la aliaj tri aŭ kvar. Helkolore pentritaj ili similas beletajn kampodomojn, kaj certe multaj metiistoj en granda urbo, kiuj loĝas en malgranda kaj malsaniga hejmo, dezirus havi tian loĝejon. La rifuĝintoj, kiuj laboras al la fabrikado de tiuj domoj, prefere povas okupi ilin kun sia familio. La aliaj loĝas en grandaj barakoj, kiuj estas partigitaj meze de tabulmuro, ne tiel alta kiel la barako estas, por ke la aero libere cirkulu. La du partoj estas ankoraŭ dividitaj kaj formas malgrandajn apartaĵojn, kie ĉiu familio vivas kune. Unuflanke troviĝas fako, kie skatolegoj kun bona pajla matraco kaj lanaj kovriloj invitas al ripozo. Aliflanke ili havas ĉambreton kun tablo kaj seĝoj, tre simple faritaj el ligno; ĉiu familio povas aranĝi sian propran hejmon, kiel ĝi deziras. La serio de la tridek loĝbarakoj ĉirkaŭas la tutan grundon kaj formas stratojn, placojn kaj kvartalojn, nomitajn laŭ ilia direkto: orienta, okcidenta, sudorienta aŭ sudokcidenta.

Ĉar la tero ne facile tralasas la pluvon, kanaloj deigas la akvon kaj multe utilas pro la saneco de la loĝantaro.

Mi esperas, ke mi sukcesis doni ian ideon pri tiu vastega rifuĝejo kaj pri la zorgoj, kiujn la registaro de Nederlando havas por la malfeliĉaj Belgoj, kiuj ne plu posedantaj hejmon petis helpon kaj protekton al la fratolando. Ne vane ili petegis, kaj certe ankaŭ post la milito, kiam la rifuĝintoj retrovas siajn hejmojn, ili kun dankemeco rememoras la tempon pasigitan en Nederlando, en la rifuĝejo de Uden, meze de la vastega erikejo, aŭ en la aliaj rifuĝejoj, similaj al ĉi tiu, kiuj troviĝas en Nederlando.

*F-ino Christine Kamp* (Amsterdam).

---

## La digoj en Nederlando

Ĉiu pli-malpli konas la anekdoton de tiu nederlanda knabeto, kiu, forvaginte de la lernejo, haltis apud digo. Amuziĝante je persekutado de papilionoj, li iras laŭlonge de protekta muro, tiel alta, ke li apude ŝajnas tute malgranda, tiel larĝa, ke du veturiloj povus senpere kruciĝi. Senzorga li iras, feliĉa, pro tio ke li forevitis la lernejon, la lernejestron kun la oraj okulvitroj kaj precipe la fortimigan nigran tabulon. Sub la bela printempa suno, la knabo revas pri tio, kion ni ĉiuj revis je lia aĝo. Dum lia penso vagadas, li plenvoĉe kantas la antikvan kanton de Vilhelmo de Nassau, aŭ tiun de admiralo Piet Hein, la venkinto de la „arĝenta ŝiparo“.

Subite, haltas la hometo: liaj malfermegitaj okuloj rigardas preskaŭ nevideblan akvofflueton, kiu gutas tra la termuro. Sed Nederlandano li ja estas: li konas la kaŝmalican laboron de l' akvo, kiu iom post iom, senbrue, maldensigos la teron, traboros la digon, preparos la teruran invadon de la marondegoj.

Neniu sur la vojo. Neniu domo proksima. Senhezite la knabo enmetas fingron en la trueton, kaj, kun bela nederlanda flegmo, li atendas unu horon, du horojn, unu duontagon. Kiam la akvo komencos alflui pli forte, li faros el sia vestaĵo ŝtopilon, kaj brave almetante la dorson kontraŭ la muro, per la tuta forto de sia malgranda korpo, li subtenos la digon ĝis alvenos fine pli efika helpo.

Oni ne nomu tiun anekdoton apokrifa, ĉar tre certe okazis plurfoje tiaj faktoj, kaj estas certe, ke antaŭ tiu danĝero ĉiu nederlanda infano agus same.

De jarcentoj, de kiam la lando estas loĝata, daŭras tiu konstanta kaj severa batalado kontraŭ la furiozaj atakoj de la maro. La nomo mem Holando (kava lando) kaj la pli moderna Nederlando (malalta lando) atestas tion.

Fremdlande oni malfacile imagas pri lando kuŝanta pli malalte ol la marnivelo. Eĉ la fiŝkaptistaj vilaĝoj neniam estas je la nivelo de l' oceano. En Nederlando okazas ĝuste la malo. Ekzistas grandaj spacoj, eĉ preskaŭ tutaj provincoj

kuŝantaj kelkajn centimetrojn, iafoje eĉ kelkajn metrojn, malsuper la maro.

Estas memkompreneble, ke en tiaj kondiĉoj, je la printempo aŭ je la aŭtuno, dum la grandaj ekvinoksaj ventegoj kaj fortaj tajdoj, la ondegoj rapide englutas vastajn terpartojn, kaj efektive tio okazas. Kelkfoje, tiuj subakvigoj estas momentaj. Kun obstina laboro oni sukcesas sin liberigi je la akvo. Sed iafoje la akiroj de la maro estas definitivaj. Je la XVIIa jarcento Nederlando perdis tri mil kvadratkilometrojn. Je la fino de la XVIIIa jarcento la suma perdo superis ses mil kvadratkilometrojn.

La popola imago konservis pli-malpli historian rememoron pri tiuj grandaj katastrofoj. Ŝajnas certe, ke je la Xa jarcento, sola atakado de la maro perdigis la vivon de dudek-kvin mil loĝantoj. En 1170 la fama tajdo de Ĉiuj-Sanktuloj forigis la istmon, kiu ligis la duoninsulon Holando al Zelando kaj el tiu ĉi provinco faris insulon. La sama tajdo krevigis kvazaŭan naturan digon, kiu apartigis la grandan lagon Flevo el la maro. Tio estis la deveno de Zuyderzee.

Precipe la XIIIa jarcento estis terura. La maro diversfoje englutis de kvardek mil ĝis cent mil personoj. En unu sola nokto kvindek vilaĝoj estas detruitaj. Tiuj ripetitaj subakvigoj pli kaj pli fosas la Zuyderzee, kiu fariĝis navigebla je la sekvanta jarcento, kaj de tiam Amsterdamo estis marhaveno. La 19 novembro 1421 la tajdo de Sankta Elizabeto formis, ĉe la centro de la lando, marĉon, ankoraŭ ekzistantan, je kies fundon malaperis sepdek-du vilaĝoj. En 1774, la urbo Rommerswaal estas eldetruita. Nuntempe, kiam la maro estas trankvila, oni ekvidas, ĉe la malalta tajdo, la ruinojn de la ĉefaj monumentoj.

En 1570 teruraj ventegoj atingis la provincon Frizlando kaj rompis la digojn, kiuj protektis la urbon Sneck. Tiu ĉi restis dudek-kvar horojn sub la akvo. La plimultaj loĝantoj estis rifuĝintaj sur altan ponton inter du turoj, tio, kion en Nederlando oni nomas „akva ponto". Hom- kaj bestkadavroj pasis sub tiu ponto. Je la tagiĝo oni vidis, ke alproksimiĝas granda korbo, el kiu eliras teruraj krioj. Per stango oni povis alkroĉigi tiun barketon, kiu estis lulilo, en kiu bubo trankvile dormadis kun kato, kiu miaŭegis.

La subakvigo ankaŭ dispecigis la provincon Frizlando en multegaj insuloj kaj insuletoj, kiuj havas signifoplenajn nomojn: Schokland (skulando), Beveland (tremlando). Tiuj malfeliĉaj regionoj estas preskaŭ konstante skuataj kaj minacataj de la furiozanta maro. La insulo Marken, Zuyderzee, dum ventego estas balaata de la marondoj tute kiel ferdeko. Por certigi la fundamenton de la domoj, oni devis ilin fiksi per ankroj. La loĝantoj starigis artefaritajn montetojn, kien oni rifuĝas okaze de subakvigo. Dum almenaŭ ses monatoj en la jaro, oni povas veturi per remŝipo inter tiuj montetoj. La mortintejo mem estas starigita sur la supro de unu el ili.

Se iafoje la maro antaŭeniras profunden en la terojn, alifoje ĝi retiriĝas je tute nenormala distanco. Tio kutime antaŭsignas tiom pli furiozan reatakadon. En 1647, sekve de unu el tiuj neordinare malaltaj tajdoj, oni eltrovis, apud la vilaĝo Domburg, la restajojn de idolana templo, kiu laŭ la tradicio englutiĝis je la fino de IIIa jarcento. Je la XVIIIa jarcento, sekve de simila fenomeno, oni vidis, apud Katwyk, la ruinojn de turo, kiun Caligula laŭdire starigis por rememorigi pri venko de la Romanaj legioj super la Bretonoj.

*(Daŭrigota.)* *E. B.*

# ★ NOTOJ ★

.·. **Militisto kaj Komercisto.** — Gazeto rakontas jenan veran historieton: En plene okupita fako triaklasa de rapida vagonaro oni parolas pri la milito. Nigre vestita virino ekploras. La plej aĝan filon ŝi perdis sur la batalkampo. Ŝia alia kaj nun sola filo estas en la tranĉeoj. Jen enpuŝiĝas elegante vestita sinjoro en militserva aĝo, kun brila diamanto en fingringo kaj sama ŝtono en la kravatpinglo. Li plendegas, ke nek en dua, nek en unua klaso estas sidloko; ankaŭ la manĝvagono estas plena. Oni do kunpremas sin, por ke li povu sidi. Li malfermas ĵurnalon kaj fervore studas la anoncojn. Vagonaro kun kantantaj soldatoj preterpasas. La sinjorino en nigra vestaĵo rekomencas plori: „Oh, tiu militaĉo, ankaŭ mia edzo estas for, sur malproksima batalejo." „Se nur baldaŭ ni havus pacon", diras alia virino. Kun mieno de predikanto la sinjoro alparolas ŝin: „Ni ĉiuj devas elteni, estimata sinjorino! Cetere ni ĉiuj faras bonan negocon! Vi ankaŭ ricevas promilitan monsubtenon, kaj plie via edzo sendos al vi sian pagon, dum la militiro li mem ne bezonas ĝin!" Kaj poste, kun rideto malkaŝanta sian kontenton, li daŭrigas: „Cetere, rilate al mi, la milito povas ankoraŭ daŭri dek jarojn." Barba soldato, kun ordeno sur la brusto, kiu la tutan tempon elrigardis tra la fenestro, leviĝas nenion dirante, alpaŝas al la militema komercisto, kaj trankvile aplikas al li kelkajn bonkvalitajn vangfrapojn, tiel ke la ĉapelo flugas el la fenestro. Ĝenerala aplaŭdo. La soldato residiĝas, la komercisto rapide forkuras. — Tiel okazis en la rapida vagonaro inter X. kaj Z., je 2.30 h. posttagmeze la 10 januaro de la militjaro 1916. — Trad.: *Ed. St.*

.·. **Centra organizo por daŭra paco.** — La Centra Organizo por daŭra paco, fondita en aprilo 1915, eldonis francligvan broŝuron, titolita: „Une paix durable" (Daŭra paco). Krom la minimuma programo, vidu *„Esperanto"* de 5 junio 1915, ĝi enhavas ankaŭ la nomojn de la membroj de la neŭtralaj landoj. La komentario je la minimuma programo estas tre ampleksa. Aludante al la Haga laboro ĝi diras inter alie: „La principo de l' Haga laboro: kunlaborado en l' intereso de l' paco inter ĉiuj civilizitaj ŝtatoj, estas ankaŭ la bazo mem de nia programo."

La aĉetado de tiu ĉi broŝuro estas tre rekomendinda por ĉiu pacamiko. La prezo estas 1 Fr. Havebla ĉe: Theresiastraat 51, Hago.

.·. **La problemo de la duonsanguloj.** — La sekvanta estas traduko de peco, kiu aperis antaŭ nelonge en bone konata angla ĵurnalo „The Overseas Daily Mail". Ĝi estas skribita de „duonsangulo" (kies unu el la gepatroj estas blankulo, la alia indiĝeno), kaj pritraktas por Nova Zelando tre gravan demandon.

„Laŭ mia opinio la pura Maŭrio[1], vivanta malproksime de la civilizacio, estas ankoraŭ nobla homo kaj granda oratoro. La plej proksima angla traduko de lia lingvo troviĝas en la Psalmoj de David, kiuj uzas la saman muzikplenan ritmon, kaj kelkafoje identan metaforon. Sed la miks-sangulo! — neniam naskiĝis miks-sangulo de ia raso, kiun oni povas fidi, aŭ kiu povas fidi je si mem. Kurioze estas, ĉu ne, diri tion, kiam mi estas unu tia? Sed konsideru. La miksaĵo de blankula kaj neblankula sango estas fiziologie kaj psiĥologie malĝusta kaj maljusta, produktanta estaĵon dividitan kontraŭ si mem. Jen li malŝatas la nigrulecon en si, jen li kontraŭstaras kaj naŭziĝas je la blankuleco.

Konsideru min kiel ekzemplon. Mia vivado estas infero. Mi deziris esti kuracisto, sed mia patro, kompreninte tro malfrue la sorton al kiu lia edziĝo kondamnis liajn filojn, ne konsentis pri tiu profesio por mi — li ne povis fidi je mi. Tial, kun abunda vivrimedo, mi vojaĝas dum ia jarduo, dum kiu tempo mia blankula naturo sin montras; mi estas edukita sinjoro, aristokratulo laŭ penso kaj ago. Mi reiras al Nova Zelando, tirata de la sopiro al hejmo, kiun ĉiu nigrulo spertas. Okazas edziĝo aŭ enterigo inter la gento de mia patrino; laŭ honoro, la Maŭrieco en mi devas ĉeesti. Festo,

[1] Indiĝeno de Nov-Zelando.

danco, „tangi" (funebra ceremonio), militkanto — for! for! flugas kulturo kaj la blankuleco antaŭ sovaĝuleco, kiu portas ĉiujn malvirtecojn de la civilizacio por ĝin fari pli demona. Poste mi retrenas min al la respektindeco tra agonioj de mem-malŝato kaj bedaŭrego. Ne, mi neniam fariĝos patro de iu infano, kiu nepre devus porti tiun saman suferadon kaj eternan luktadon inter la du „memoj", kiujn mi elportis.

Oni ne devas atendi, ke blankuloj, kiuj neniam loĝadis inter koloritaj rasoj, komprenos la teruran gravecon de tiu ĉi miks-sangula demando. La miks-sangulo devas ĉiam esti ŝanceliĝema; vi alvokas la blankulecon en li, la nigruleco trompas vin; vi subigas la nigrulecon, la blankuleco sin armas kontraŭ vi."

La legantoj bonvole memoru, ke tiuj ne estas miaj vortoj kaj opinioj, sed la vortoj de duon-sangulo mem, ido de unu el la plej noblaj sovaĝaj rasoj, kiuj iam submetiĝis al la regado de blanka raso. — *J. A. Hodges* (Auckland, Nova Zelando).

 LITERATURO 

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Volkslehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto,** von *Karl Jost* (Grütlibuchhandlung Zürich), 1915, 2 Fr., XVI kaj 110 paĝoj. Kun antaŭparolo de Prof. Dr. A. Forel; travidita de R. de Saussure.

La aŭtoro atingis entute bone sian celon, verki lernolibron popularan. Ĝi havas la meriton esti tiel ne-enuiga, kiel gramatiko povas esti; la ekzercaj frazoj estas saĝe elektitaj, ofte kun moderna enhavo, multaj rakontetoj kaj spritaĵoj amuzigas la lernanton, kaj aliaj tekstoj informas pri Esperantistaj aferoj. Plie diversaj bildoj kaj tabeloj klarigas la prepoziciojn, la tempojn de l' verbo k. t. p. La presado estas bona, sed tre bedaŭrinde mankas tabelo de l' enhavo, el kiu oni povus vidi la dividon de la materialo kaj la instruan sistemon. Ke la aŭtoro donis multajn detalojn, ekz. la silabojn fi, miz, iz, oz, ni ne riproĉu al li; pri tio kio estas kaj ne estas necesa ja ne interkonsentas la opinioj. La libro devenas de praktika homo, kaj per tio havas sian valoron.

Aliflanke ni devas atentigi, ke diversaj ekzemploj en la libro ne estas modelaj, kaj ke la literatura parto bezonas ŝanĝon. La ekzemplo „Reis" (der oder das?) por la esperanta „s" ne estas konsilinde, der Reis ja estas rizo, kaj das Reis (trunketo) havas malfortan s, ne la esperantan. Kial „babilaĉulo", se babilulo, en riproĉa senco, sufiĉas? Ankaŭ la vorto: „perspektivturo" estas malbona. En la germanaj vortaroj troviĝas perspektivo por: vidaĵo, en la vortaro de Grosjean Maupin, perspektivo havas nur la konatan sciencan signifon. La franca metodo, rezervi tiun komplikan esprimon al la scienca terminaro, ŝajnas al ni preferinda; certe estas nenecese krei en populara lernolibro specialan esprimon por turo, el kiu oni bone vidas la ĉirkaŭaĵon. Same, anstataŭ: devojiĝinte, ni preferus la pli facilan: perdinte la vojon kaj scii, anstataŭ scipovi la lingvon. „Oni ĉirkaŭlaboris lin tiel longe, ĝis li bonvolis akcepti la prezidantecon", estas laŭvorta traduko de nebela germana esprimo. Kial tiu ĉirkaŭlabori, kiu memorigas la masoniston, anstataŭ: oni klopodis ĉe li? Ne inde de gramatiko estas la komenco de letero, al oficejo adresita, „Estimataj", nek sinjoroj, nek samideanoj, nur Estimataj, por ke oni ŝparu la multekostan inkon. Tiu modela skribanto daŭrigas demandante, ĉu „ĉi loke" estas grupo, kaj se „ĉi loke" estas unu, li deziras havi la adreson.

Ke en la Literatura Parto troviĝas la poezioj de Zamenhof kaj aliaj brilaj ekzemploj de versfarado estas laŭdinde, sed ni ne komprenas kial la aŭtoro aldonas aron de versigitaj aĵoj, kun la sole ebla celo montri kiel oni ne devas traduki. Aŭ ĉu vere, en la tuta Esperantista literaturo, li ne trovis ion pli bonan ol la famajn versojn de Gottfried Keller, jene tradukitajn:

„Gaja matriĉul', vaginte tra fremdland',
Kiam pensis mi al neĝmontar',
Tuj paliĝis kronojuvelar'.
Kaj fieris mi la almozant'!
Malproksime ja de l' Helvetuj',
Premis ofte akra min dolor';
Sed subite ĝojis mia kor',
Se mi filon vidis el patruj',
El Helvetuj', el hejmoland', la patroland'."

Sub la titolo „La Dia" estas en tiu populara libro profunda poezio de Gœthe: „Das Göttliche", kiun oni jam havas sufiĉe da peno klarigi al la germanaj gimnazianoj. Unu el la ĉefaj strofoj estas jene tradukita:

| | |
|---|---|
| „Saluton al vi<br>Ho transcendajoj,<br>Kiujn en koro ni sentas!<br>Ilin similu la homo;<br>Kaj per tia ekzemplo<br>Al ili ni kredu!" | La originalo diras:<br>Saluton al la nekonataj,<br>Supraj estaĵoj<br>Kiujn en la koro ni sentas!<br>Nin la ekzemplo (de l' homo) instruu<br>Kredi je ili. |

El la supraj estaĵoj, kiel diras Gœthe laŭvorte, oni faris transcendaĵojn, kaj tiel malklariĝis la tutan poemon. La admirantoj de la Zamenhofa „Vojo" ankaŭ plezure legos versaĵon el nova himno:

El semo malgranda,
Ĵetita sur kampon mizeran,
Elkreskis arbeto, malforta, mortema;
Skuataj de ventoj subitaj, tre ofte perfidaj.
Ĝi tamen kreskadis je arbo jam forta
Mokante la „foliojn velkintajn"
Ĝi portas nun „fruktojn benatajn".

Sur vojo longdaŭra, laciga, dornplena,
Marŝadis anaro malgranda;
Multfoje mokata ĝi restis fidela
Al celo klare signita;
Vane klopodis kvazaŭamikoj
Enporti malpacon kaj skismon.
Sed, alte teniĝis la verda standardo
Insigno triumfa de kuraĝa anaro.

kaj la jenan strofon el „Societa Kanto":

Ni bonuzu tial la tagon
Rapide forpasas ja ĝi.
Denove nun alten la glason
„Al la Zamenhofa geni'".

Oni pardonu, ke, rompante la kutimon, ni priparolas tiun fojon malbonajn poeziaĵojn. Sed ĉar la malbonaj estas la pli multaj, ĉar ili, forigataj de la konataj gazetoj, enŝovas sin en regionajn bultenojn, gramatikojn kaj en aliajn angulojn, kie trovas ilin la nesperta Esperantisto, estas bone atentigi pri tia speco de versfarado. Centfoje, milfoje oni ripetu, ke neniu Esperantisto estas devigata verki versaĵojn; li povas fariĝi grupestro, prezidanto de nacia aŭ internacia societo, akademiano aŭ membro de la literatura asocio, ne provinte la ekzamenon pri rajdarto sur Pegaso.

Cetere, se ni uzis la okazon por ektuŝi neĝojigan fakton en nia movado, oni ne konkludu, ke la priparolata libro estas senvalora. Ĉe kurso la ĉeesto de sperta instruisto, kiel nia aŭtoro, estas ja pli grava ol la foresto de la muzoj. Se por dua eldono unuiĝos la nuna metodeco kun literatura bongusto, la verko fariĝos laŭdinda.

*St.*

* * *

**La più internazionale delle Internazionali,** de *Oddino Morgari*, deputato ĉe la itala Parlamento. (Biblioteca della Revista „L' Esperanto", A. Paolet, S. Vito al Tagliamento.) Prezo: 10 ct.

Sub tiu esprimoplena titolo: la plej internacia el la internaciaj, la revuo „L' Esperanto" eldonis en eleganta broŝura formo la serion de la bonegaj artikoloj pri UEA, ĝia historio, ĝia rolo dum la milito kaj pri la signifo de nia movado, kiujn S-ro deputato Oddino Morgari aperigis en la konata ĉiutaga gazeto „*Avanti!*". Ni rekomendas tiun broŝuron al ĉiuj itallingvaj samideanoj. (Oni povas ankaŭ ĝin ricevi de la C. O. de UEA, sendante 15 ct. per poŝtmarkoj.)

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Se vi trovas en la homa vivo ion pli bonan ol justecon, verecon, moderecon, kuraĝon, unuvorte ion pli bonan ol penson, kiu, donante al vi laŭracie la rektan leĝon por via agado, kontentiĝas en si mem, kiu, plenakceptante sian neelektitan sorton, kontentiĝas pri sia destino — se, mi diras, ion pli bonan vi vidas, turnu vin plenanime al tio kaj ĝuu tiun altegan eltrovitan bonon.*

*Sed, se nenio ŝajnas al vi pli bona ol la en vi loĝanta genio (demono), kiu estriĝis super viaj propraj emoj, kiu kontrolas vian pensajon, kiu, laŭ la esprimo de Sokrato, „sin forŝiris de la sentimpresoj", kiu submetiĝis sub la dioj kaj amas la homojn — se, apud ĝi, ĉio ŝajnas al vi malgranda kaj senvalora, al nenio alia donu lokon en vi: ĉar, se al io alia vi delogiĝus kaj malaltiĝus, vi ne plu estus kapabla honori antaŭ ĉio kaj senlace tiun bonon al vi propran kaj vere vian. Al tiu ĉi laŭracia kaj praktika bono malpermesate estas kontraŭigi ion ajn alian, kiel la laŭdon de la multego aŭ la potencon aŭ la riĉecon aŭ la plezuron. Ĉio tio ĉi, eĉ se ĝi momente ŝajnas akordiĝi kun la bono, subite venkas kaj vin erarigas. Mi do diras al vi: elektu libere kaj simple la plibonon kaj firme alligiĝu al ĝi.*

*Iru ĉiam la pli mallongan vojon; la pli mallonga estas laŭ la naturo; ĝi estas: ĉiam paroli, ĉiam agi laŭ plej sana racio. Tia decido liberigos vin de ĉiuj zorgoj, de ĉiuj bataloj, de ĉiu ruzajo, de ĉiu artifiko.*

*Facile estas forpeli ĉiun ĉagrenigan kaj nekonvenan penson kaj retrovi tuj en si mem la plenan kvieton.*

*El* Marko Aurelio.
*Trad.:* Th. Cart.

---

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Deutsch Gabel:* Pro la propaganda agado de S-ro A. Ŝilov, antaŭa Del. en Jarensk, nun militkaptito, kelkaj rusaj militkaptitoj lernas nian lingvon. — *Innsbruck:* La Esp. Klubo, malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, precipe en tiu urbo, progresas. Kurson gvidas S-ro Leo Blaas. Partoprenas la kurson german- kaj italiingvanoj. — *Klagenfurt:* La Esp. Unuiĝo arangis kurson, kies profito estas uzota por la vunditoj. — *Plzen:* Esp. Klubo okazigis novan kurson kun 33 lernantoj.

### Britujo.

*Bath:* Ĉe la Teknika Lernejo, S-ro Padfied komencis kurson por prepari kandidatojn por la Esp. ekzameno de la Londona Komerca Ĉambro. — *Birmingham:* S-ro Hipsley kaj F-ino D. E. Jones instruas kurson. S-ro Hipsley paroladis pri Esp. kaj mondpaco. — *Edinburgh:* La jara kunveno de UEA okazis la 27 januaro. S-ro Tullo, Del., prezentis sian raporton, kiu, laŭ la propono de S-ro Page, estis danke akceptita. — *Leeds:* La ĉiujara festo okazis kun plena sukceso; inter la cento de ĉeestantoj troviĝis vizitantoj el aliaj grupoj. — *York:* S-ro D-ro Pollen paroladis pri Esp. kaj la milito, kun granda sukceso.

### Germanujo.

*Berlin:* La kunvenoj de la Esp. Gruparo okazas la unuan mardon de ĉiu monato en: Rotes Haus, Nollendorfplatz 3. Societo Merkur aranĝis novan kurson. — *Dresden:* Regulaj, tre hejmecaj kunvenoj okazas ĉiulunde sub la gvidado de S-ino M. Hankel. La ĝenerala kunveno de la Esp. Unuiĝo okazis la 7 februaro. La revuo „Sächsische Schulzeitung" (Saksa lerneja gazeto) enhavis bonan artikolon pri la signifo de Esp. — *Essen:* La loka grupo havis jaran ĉefkunvenon la 1 februaro. De post la militeksplodo la grupo neniam ĉesis daŭrigi sian agadon, kvankam tuj en la komenco enarmeiĝis dek membroj. En 1915, la grupo aranĝis du paralelajn kursojn kun entute 52 partoprenantoj. 42 novaj membroj aliĝis al la grupo, kiu nun kalkulas 62. La ĝisnuna estraro estis reelektata per aklamo: Ia prez.: F. Pillath; IIa prez. kaj Ia sekr.: E. Freitag; IIa sekr.: L. Maijs; Ia kas.: H. Eichelhardt; IIa kas.: F. Rienermann. — *Limburg* (Lahn): S-roj E. Ackermann, Vagnon kaj Martron aranĝis kurson ĉe la militkaptitejo Limburg; ĉ. 30 lernantoj ĝin akurate vizitas. — *Regensburg:* Novaj komenca kaj progresa kurso estas komencitaj.

### Hispanujo.

*Barcelono:* Ĉe sia ĝenerala kunsido, la grupo Paco kaj Amo elektis la jenan komitaton: Prez.: P. Perez; vicprez.: F. Alsina; sekr.: S. Roig; vicsekr. A. Vilaró; kas.: S. Bausells; bibl.: M. Badia; kalkulisto: D. Bosch; anoj: S. Frobat, A. Vicente. Trionsemajna kurso rekomenciĝis ĉe la Universitato. — *Bilbao:* Novaj kursoj estis malfermitaj en januaro. — *Madrid:* Oni malfermis kurson ĉe „Socialista Suda Centro" kun 14 lernantoj. Samtempe kurso ĉe Centra Esp. Grupo kun 20 lernantoj. — *Molins de Rei* (Kataluno): S-ro Canals, prez. de la grupo, klarigas gramatikan kurson, bone daŭrigante la laboron de pastro N. Pomés, fondinto. — *Palma de Mallorca:* La Esp. Klubo kalkulas nun 80 membrojn, pro la energie farita propagando. S-ro Bofill, Del., dissendis tra la insulo bone verkitan hispanlingvan propagandilon, kiu certe interesos multajn personojn. — *Sevilla:* La senlaca prezidanto de la Sevilla Esp. Grupo, S-ro Trinidad Soriano, Del., regalis per granda festeno la geanojn de la ĉi-tiea grupo. Je la fino de la bonega manĝo, kiu estis tre vivplena, okazis ĝoja balo. Ĉiuj ĉeestantoj, kiuj tie pasigis feliĉajn horojn, esprimas al S-ro Soriano sian ĉiaman dankadon. Dank' al la klopodoj de S-ro Soriano, helpata de la grupsekretario S-ro J. Machuca, oni klarigas du novajn kurson: elementan kaj superan. F-ino Carmen H. de Santaolalla malfermis kurson speciale por fraŭlinoj. — *S. Feliu de Guixols:* La grupo „Esp. Lernejo" elektis la jenan komitaton por 1916: Prez.: F-ino R. Esteva; vicprez.: S-ro J. Anglada; sekr.: S-ro J. Vitá; kas.: F-ino A. Gimeno; anoj: F-ino B. Girona, F-ino I. Hasmitja, S-ro J. V. Xarnach. — *Tarragona:* S-ro Vidas i Ras gvidas novan kurson, kun trideko de lernantoj. — *Terrassa:* La urbkonsilantaro voĉdonis por la grupo „Lumon" subvencion de 100 pesetoj. Konkurso estas malfermita inter la anoj de „Lumon". — *Valls* (Kataluno): Esp. kurso okazas en la lernejo de nia samideano S-ro A. Martorell. La lernantoj estas 9—14 jaraj. — *Vich:* La ĉi-tiea grupo aranĝis sukcesplenan propagandan feston.

### Portugalujo.

*Funŝalo* (insulo Madeira). — Okazis la tria fondiĝfesto de la ĉitiea grupo „Madejra Verda Stelo", ĉe kiu ĉeestis multnombra publiko. Estis aranĝata bela ekspozicio vizitebla dum unu semajno. Ĉe la solena kunsido, Pastro E. N. Pereira paroladis pri Esp. kaj la nuna milito; ankaŭ parolis S-roj F. G. Pulgueira kaj P. Oliveira e Castro. Dum la paŭzoj oni ludis belajn muzikajojn. S-ro E. C. Pereira gvidas semajnan kurson. La grupo vigle laboras por disvastigi nian lingvon en la insulo Madeira.

### Svedujo.

*Skara:* En Skara estas la centra sidejo de l' kultura asocio „Excelsior", kun prezidanto la fama kulturentuziasmulo Torgny. Sur

la programo de tiu ĉi asocio ankaŭ estas Esperanto. La loka parto de tiu asocio malfermis Esp. kurson kun 19 lernantoj. Instruisto: redaktoro. Ein. Bogun.

## Svisujo.

*Bern:* S-ro R. de Saussure, invitite de la pacist-armeo, parolis pri Esp. kaj la mondpaco; la lokaj gazetoj raportis pri ĝi. — *Effretikon* (Zürich): Laŭ iniciato de la Subdel. de UEA, S-ro Wolfer, okazis propaganda kunveno. S-roj Egli kaj Unger paroladis. La regionaj gazetoj favore raportis. Ekspozicio estis aranĝita. — *Zürich:* S-ro K. Jost paroladis en socialista junula societo „Freie Jugend".

## Usono.

*Annapolis* (Md.): La ĉiujara kunveno de la Maryland Esp.-Asocio okazis ĉi tie. Multaj planoj por plua laborado estas faritaj. La propono de Pastro J. L. Smiley, labori por la enmetado de Esp. en la Usonan Ŝipan Akademion kaj en la Militan Akademion estis akceptita kiel rezolucio. — *Bayonne* (N. J.): „The Advance Sheet", religia kaj politika revuo, publikigas serion de artikoloj. — *Chicago* (Ill.): S-ro Herbert Harris instruas al nova kurso, en kiu ĉiu ano estas kolegia gradiĝinto. — *Escondido* (Cal.): Dum ŝipvojaĝo de Nova Orléans ĝis Nov-Jorko, S-ro W. W. Carpenter, Del., faris paroladon sur la ŝipo antaŭ 75 personoj, kiuj neniam antaŭe estis aŭdintaj pri nia lingvo. — *Little River* (Kansas): Prof. Finlayson, instruisto en la taglernejo, instruas pri Esp. ĉiujn siajn lernantojn kun granda sukceso. — *Marlin* (Texas): Artikoloj publikigitaj de fervora propagandisto, D-ro J. W. Torbett, okazigis la ricevon de multegaj informpetoj pri Esp. el ĉiuj partoj de ŝtato Texas. — *Norfolk* (Nebr.): Ĉe la kunveno de la ŝtata Kristancelada Unuiĝo, la lokaj Esp-istoj en Nebraska, sub la gvidado de Pastro C. P. Lang, aranĝis Esp. ekspozicion, kiu eltiris la intereson de multegaj scivolemuloj. Ĉe la Esperanta Diservo ĉeestis 128 personoj, i. a. S-ro Shaw, sekretario de la Usona Kristancelada Unuiĝo — *Topeka* (Kansas): S-ro J. H. Fazel starigis klubon kaj faras kurson por komencantoj. — *Washington* (D. C.): En nova revuo „Washington Courier", D-ro Ivy Kellermann-Reed publikigas kurson.

## Japanujo.

*Kanazava:* La ĉiutaga gazeto „Hokuriku-Ŝimbun" publikigas Esp. rubrikon.

## Nord-Afriko.

*Alger:* Nia fervora propagandistino, S-ino Thiard, rekomencis viglan propagandon. Kursoj komenciĝos sub la gvidado de S-inoj Durivault kaj Gonnet. La gazeto „Annales Africaines" simpatie raportis pri tiuj klopodoj.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Internaciaj Floraj Ludoj.** — La Komitato de la VIa Internaciaj Floraj Ludoj salutas la esperantistajn verkistojn, invitante ilin partopreni en la jenaj konkursoj:

*Ordinaraj temoj:*

*Originalaj tekstoj:*

I. Originala versaĵo kantanta *Amon.*
II. Originalo *ama* verko en prozo.

*Tradukitaj tekstoj:*

I. Versaĵo.
II. Prozaĵo.

Vidu la tekstoj en „*Kataluna Esperantisto*", N-ro 12, paĝoj 158—161.

*Notoj.*

I. La aŭtoroj de la ordinaraj premiitaj verkoj ricevos belan diplomon kaj enkadrigitan portreton de D-ro Zamenhof.
II. Al la aŭtoro de la plej bona teksto (versaĵo aŭ prozaĵo) el la kvar premiitaj verkoj la Komitato aljuĝos la Naturan Floron kaj la rajton elekti Reĝinon de la Festo.
III. La verkoj prezentotaj devas esti verkitaj en Esperanto.
IV. La Festo de la VIa Floraj Ludoj okazos en Reus dum la VIIa Kongreso de la *Kataluna Esperantista Federacio* la 11 junio 1916.
V. Al la manuskriptoj, — kiujn ĝis la 1 majo akceptos la Sekretario, S-ro Josep Ventura, 165, str. Galileu, Terrassa (Barcelona) — oni devas aldoni devizon, kaj sendi en koverto fermita, kiu portos la saman devizon, la nomon kaj adreson de la verkinto.
VI. Manuskriptoj ne estos resendataj, eĉ se ili alvenis post la datolimo por akcepto de verkoj.
VII. La membroj de la Juĝontaro partoprenos en neniu konkurso.
VIII. La Juĝintaro publikigos la verdikton per „*Kataluna Esperantisto*" kaj la Barcelona gazetaro.
IX. En la teksto de „*Kataluna Esperantisto*" aperadas listo de eksterordinaraj premioj kaj temoj.

*Eksterordinaraj temoj.*

I. De *Lia Ekscelenca Moŝto S-ro Antolin Lopez Pelaez,* arĥiepiskopo de Tarragona. Temo: *La instruado de Esperanto ĉe la Seminarioj.* Premio: Arta objekto.
II. De *Lia Moŝto S-ro Anton de Veciana,* parlamenta deputito. Temo: *Grava rolo de Esperanto en la eŭropa milito.* Premio: Arta objekto.
III. De *Lia Moŝto S-ro Anton Estivill i de Llorach,* provinca deputito. Temo: *Esperanto kiel oficiala internacia lingvo.* Premio: Arta objekto.
IV. De *Centre de Lectura* de Reus. Temo: *Al plej bona traduko de aro da „Arabescos" de Joaquim M. Bartrina el lia verko „Algo".* Premio: Arta objekto.
V. De *S-ro Martorell Odena.* Temo: *Al la plej bona bonhumora versaĵo.* Premio; Arta objekto.
VI. De *Literatura kaj Lingva Fako de „Centre de Lectura"* de Reus. Temo: *Al la plej bona traduko de la versaĵo „Los Nius" de D-ro Artur Masriera,* Mestre en Gai Saber. Premia: Arta objekto.
VII. De *Urbkonsilantaro de Reus.* Temo: *Laŭvola.* Premio: Arta objekto.
VIII. De *Iliaj Moŝtoj Sinjoroj Ramon Vidiella, Anton Borrell kaj Miquel Alimbau,* provincaj deputitoj. Temo: *Utileco de Esperanto por la laboristoj.* Premio: Artaĵo.

∴ **Esperanto kaj Paco.** — La Generalo por la Antimilitarmeo, Pastro Albert Wickman, Svedujo, decidis dum lastpasinta jaro — laŭ iniciato kaj konsilo de D-ro A. Rosenberg, el Skara — ke Esperanto estos la *sola* internacia komprenilo por la armeo. En la lasta numero de lia gazeto „Antikrigsorder", la generalo solene salutas D-ron Zamenhof, „kiu", li diras, „malliginte la katenojn de nescio kaj antaŭjuĝo, kondukas la popolojn kaj gentojn al la brusto unu de la alia."

La armeo kalkulas nur en Svedujo ĉirkaŭ 8000 anojn.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Oficiala Jarlibro.** — La Oficiala Jarlibro 1916 aperis komence de februaro, kaj dum ĉi tiu monato estas sendita, kune kun la membra banderolo aŭ karto, al ĉiuj asocianoj

pagintaj la kotizaĵon por 1916. Al ĉiu ekzemplero estas aldonita Esperanta murkalendareto por la kuranta jaro.

**Al niaj Delegitoj.** — Ni petas ĉiujn Delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ zorgi pri la repagigo de la kotizaĵoj por la nuna jaro.

Kiel kutime la kotizaĵo estas: 2. 50 Fr. por membroj, 5 Fr. por Subtenantoj, el kiuj la Del. sendas al la centra kaso de UEA resp. 2 Fr. kaj 4. 50 Fr.

Speciala Oficiala Bulteno ne estos sendata. Delegitoj, kiuj ne plu havas aliĝilojn kaj kvitancarojn, bonvolu tion peti de nia C. O.

Ni rememorigas, ke laŭ decido 4ª de la Komitato („*Esperanto*", paĝ. 10, N-ro 1), la ĝenerala ĉiutrijara balotado, kiu devis okazi je la fino de 1915, estis prokrastita ĝis post la milito. Dume, la ĝisnunaj reprezentantoj konservas sian oficon.

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 945 kotizaĵoj (el kiuj 49 subtenantoj). Krom tio estas 144 dumvivaj membroj. Sume: 1089. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 35.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,628 | 2,232 |

*Tuta sumo*: 3,850. (Antaŭa monato: 3,146.)

**Novaj Delegitoj.**

*Alger* (Afriko, Alĝerio). — D.: S-ro M. Mende, 19, rue Henri Martin.
*Barranquitas* (Usono, I. Porto Rico). — D.: S-ro José N. Berrios.
*Cambridge* (Usono, Mass.). — D.: S-ro Wilder H. Haines, 51, Brattle Street.
*Dayton* (Usono, Kentucky). — D.: S-ro Edward H. Becker, 332, 3rd Avenue.
*Douglas City* (Usono, Cal.). — D.: S-ro Guy F. Griffith.
*Framingham* (Usono, Mass.). — D.: S-ino Lillian E. Fuller, 41, South Str. — VD.: S-ino Bernard F. Merriam.
*Iowa City*. — VD.: S-ro D-ro W. J. Pleŝe, 128, E. Washington Str.
*Jakutsk* (Siberio). D.: S-ro Teodor Orlov, notario.
*Lampman* (Canada, Saskatchewan). — D.: S-ro Chester H Crossman, Box 48.
*Logan* (Usono, Utah). — D.: S-ro F. S. Harris, profesoro.
*Marlin* (Usono, Texas). — D.: S-ro D-ro J. W. Torbett.
*Marsala* (Italujo, Sicilia). — VD.: S-ro Nikolao Almanza, 19, via Calatafini.
*Meduno* (Italujo, Udine). — D.: S-ro Giacomo Bianchini, pastro.
*Orange* (Usono, Mass.). — D.: S-ro Henry C. Smith, 24, Hamilton Avenue.
*Palma Sola* (Usono, Florida). — D.: F-ino Esther E. Owen.
*Pasadena* (Usono, Cal.). — D.: S-ro Isaak H. Pedrick.
*Peoria* (Usono, Illinois). — D.: S-ro Albert E. Angier, 1920, Knoxville Avenue.
*Perth Amboy* (Usono, New Jersey). — D.: S-ro John Nelson, 342, Wash. Street.
*Providence* (Usono, Rhode Island). — VD.: S-ro A. E. Hopkinson, 268, Weybossett.
*Redwood City* (Usono, Cal.). — VD.: F-ino Rose Lanfear, Box 627.
*Ross* (Usono, Iowa). — D.: S-ro John L. Rutherford.
*San Diego* (Usono, Cal.). — D.: S-ro Arthur E. Skeats, 4034, Park Bd.
*Sisterville* (Usono, West Virginia). — D.: S-ro Addison A. Clarke.
*Stanford* (Usono, Cal.). — D.: S-ro Russell Metzler, University.
*Torello* (Hispanujo, Barcelona). — D.: S-ro Josep Vila.

**Ŝanĝoj.**

*Magdeburg* (Germanujo). — D.: F-ino M. Küster, Halberstädterstrasse 129 b.
*Greenock* (Britujo, Skotlando). — Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al la VD., S-ro John B. Adam.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Batum* (Rusujo); *Brno* (Aŭstrio); *Campbell* (Usono); *Idaho Falls* (Usono); *Rockford* (Usono); *Siena* (Italujo).

**Adresŝanĝoj.**

*Astrahan* (Rusujo). — Anst.: S-ro S. Sariĉev, Staro Kuzneĉnaja, dom. Dmitrieva.
*Augsburg* (Bavarujo). — D.: S-ro R. Ledermann, Gesundbrunnenstrasse 3/III.
*Besançon* (Francujo). — D.: S-ro R. Brétillot, 70, Grand'Rue.
*Breslau* (Germanujo). — D.: S-ro G. Mahn, Feldstr. 25, Hpt.
*Hartford* (Usono, Connecticut). — D.: S-ro C. Lundin, 54, Governor Street.
*Marsala* (Italujo, Sicilia). — S-ro L. Bilardello, via Catalafimi, N-ro 190.
*St-Leu-Taverny* (Francujo, S.-et-O.). — De nun tiu urbo nomiĝas: St-Leu-la Forêt.

# La morto de H. Bolingbroke Mudie

## Kondolencaj esprimoj

La jenan leteron ni ricevis de nia majstro, al kiu ni komunikis la bedaŭregindan novaĵon pri la morto de nia kara Prezidanto:

„Profunde kortuŝis min la malĝoja novaĵo pri la malfeliĉa morto de nia kara amiko Mudie, kiun mi ĉiam alte estimis kaj profunde amis. Por Esperanto tio estas neriparebla perdo.

Al UEA mi esprimas mian tutkoran kondolencon.

Ĉar mi bedaŭrinde ne havas la eblecon tion fari, mi petas vin, komuniki al la gepatroj de l' mortinto la esprimon de mia profunda simpatio. En la koroj de multaj miloj la nomo de ilia brava kaj nobla filo ĉiam restos neforgeseble vivanta. *D-ro L. L. Zamenhof.*"

De S-ro G. Mahn, Del. en Breslau:

„En la nomo de la ĉi-tieaj Esperantianoj mi esprimas al vi mian profundan kondolencon okaze de la tragedia fino de nia respektata kaj meritplena prezidanto, kun kiu mi estis en persona rilato, kaj kiun mi lernis ami kaj estimi. La perdo por Esperanto estas neriparebla. Mi petas transdoni en la nomo de la Breslauaj Esperantistoj niajn kondolencajn sentojn al la estraro de BEA."

De la Esperanto-Societo en Rorschach (Svisujo):

„La Esperanto-Societo profunde kortuŝita pro la perdo, kiu trafis la tutan Esperantistaron, per la morto de nia prezidanto Mudie, sendas sincerajn kondolencojn. *La Komitato.*"

De S-ro A. Hansen, Del. en Kopenhago (per telegramo):

„Esprimas plej profundan simpation por la perdo, kiun suferas nia organizaĵo kiel nia tuta movado pro la morto de Bolingbroke Mudie."

Ĉe la kunveno de la 27 januaro, la Esperantista Grupo Stelo en Ĝenevo alprenis kondolencesprimon pro la morto de S-ro H. Bolingbroke Mudie, Prezidanto de UEA kaj BEA.

La grupoj de Hastings kaj S. Leonard (Anglujo) alprenis la jenan rezolucion:

„La membroj de la Hastings kaj S. Leonards Esperantista Grupo, sciiĝinte kun profunda doloro pri la morto de Kapitano H. Bolingbroke Mudie, deziras esprimi sian altan estimon de la lojalaj kaj entuziasmaj servoj, kiujn li dum tiom da jaroj donis al la Esperanta movado en tiu ĉi kaj aliaj landoj. Ili danke memoras liajn vizitojn al Hastings kaj S. Leonards por antaŭenigi la helpan lingvon, kaj konsideras lian foriron ne nur kiel perdon priplorindan por la tuta mondo kaj speciale por la Esperantaj Societoj, de kiuj li estis la

eminenta Prezidento, sed ankaŭ kiel personan seniĝon de sindonema kaj amata amiko.

La Hastings kaj S. Leonards Grupo deziras esprimi siajn kondolencojn kun la estroj kaj anoj de UEA kaj BEA pro ilia doloriga perdo. Ĝi ankaŭ deziras certigi Gesinjorojn A. Mudie pri sia tutkora simpatio kun ili en la aflikto, kiun ili travivas pro la morto de sia brava filo.

## Tra la Gazetaro

*„British Esperantist"* (februaro):

„... En la unua momento post la ricevo en nia Oficejo de la dolorega sciigo, estis por ni preskaŭ neeble kredi ĝin, tiel subita, tiel tute neatendita ĝi estis. Eĉ nun, kiam ni posedas ĉiujn detalojn pri la terura tragedio kaj centojn da simpatiaj leteroj, tre malfacile estas imagi al ni, ke ni plu neniam vidos ĉi tie, kie li amis servi kaj gvidi, lian ĉiam gajan, entuziasman, kuraĝigan vizaĝon. Ne nur estas lia morto korŝiranta perdo por liaj gepatroj kaj por multaj aliaj Esperantistoj, kiuj bone konis lin tra la tuta mondo sed, laŭ aparta maniero, ĝi estas malĝojega por ni, al kiuj estis la honoro kaj plezuro kunligiĝi kun li en la plej unuaj tagoj de la Esperanta movado en Britujo. Li estis tiam, kaj ĉiam poste, kiel pliaĝa, forta frato por ĉiu el ni, tiel saĝa, tiel plena de energio, tiel kuraĝa kaj sindonema, ke ni volonte oferadis niajn volojn al lia."

*„Le Monde Espérantiste"* (januaro). De Paul Fruictier.

„... Ho! Mudie, dum ĉirkaŭ mia vunditejo kruciĝas kugloj kaj eksplodas bomboj, mi vin revidas, amiko! Mi memoras nian renkontiĝon en Havro, en la jaro 1904, okaze de l' unua kongreseto de francaj kaj anglaj Esperantistoj, kie ni, por tiel diri, ekprovis kaj preparis la grandan feston projektitan por la sekvanta jaro en Boulogne-sur-Mer. Alta, blonda, tute juna ankoraŭ, sed serioza kaj praktika, kiel vera Brito, jam ci aperis, kiel estonta kapo de nia movado en Anglujo... Amiko, ci malaperis en malluma horo, kiam nia komuna idealo de paco kaj frateco ŝajnas por ĉiam detruita kaj dispecigita. Sed dormu trankvile, Mudie, ciaj klopodoj ne restos vanaj, niaj ideoj ne mortos. La laborilon, kiun ellasis cia mano, ni rekaptos ĝin, kaj se ni ankaŭ malaperos, tiam venos aliaj, kaj aliaj senfine, kiuj havos nian saman celon kaj daŭrigos nian taskon. Ĉar Amo estas pli forta ol Malamo, kaj brilos tago hela kaj luma, kiam resaniga vento forblovos la nubojn kaj nia koro revarmiĝos sub la paca suno."

---

# Ni estu homoj

Sub tiu titolo, *„Germana Esperantisto"* (N-ro 1 A) publikigas artikolon subskribitan de S-ro R. Maske, kiun ni opinias utile represi por niaj diverslandaj legantoj. Ĝi trafe traktas pri grava nuntempa demando rilata al nia movado kaj rememorigas pri kelkaj necesaj veroj, kiujn la nacia ekscito tro ofte forgesigas en nia rondo.

La milita ventego ne al multaj Esperanto-jurnaloj permesis daŭrigi sian vivon. Tial oni devus opinii, ke la postvivantoj penos kun des pli granda fervoro akceli la sukceson de nia granda kulturlaboro kaj ne lasos sin deflankigi eĉ ne de la terura, monstra militbrulego. Ĉu tio okazas?

„Iras senhalte via laboro
Honeste kaj esperante?
Bruas la flamo en via koro
Neniam deflankiĝante?" *Zamenhof.*

La milita ventego ekmovis la spiritojn ĉiulande tiom profunde, ke la subjektiva sento plejofte malaperigas la klaran pensadon kaj objektivan juĝon. Aliparte ni vidas, ke persone plej honestaj homoj de militantaj nacioj perdas pro patriota ekscito la kapablecon trankvile konsideri, kion oni povas kaj ne povas, devas kaj ne devas fari por ne pereigi homan kulturlaboron, egale valoran por la propra patrujo, kiel por ĉiuj popoloj. Kio do okazas en la esperantista mondo?

Bedaŭrinde oni devas konstati, ke la sintenado de la samideanaro ne ĉiam estas korekta kaj konforma al la principoj, laŭ kiuj ni ĝis nun batalis kontraŭ homaj antaŭjuĝoj por antaŭenpuŝi nian grandan kulturtaskon. La nacia ekscito senigas nin je nia plej efika armilo, paciencema persisto sur la antaŭe bone pruvita vojo; la nacia ekscito transiras en la kolonojn de esperantista gazetaro. Oni ne kontentiĝas, ke en ĉiu militanta lando ekzistas grandega nacia gazetaro — gazetaro, kiu bedaŭrinde plejparte opinias patriota devo kalumnii la malamikon.

Ĉi tiu stranga patriotismo komencas, kvankam en malpli akra formo, sin dokumenti en Esperanto-gazetoj.

En kiuj? niaj legantoj tuj demandos.

Se estus eble aŭ dezirinde aranĝi internacian juĝantaron, tiam sin prezentus tuj spektaklo, kiun oni povas observi rilate al reciproka kulpigado de nacioj pri la pacrompo. „Vi estas kulpaj, vi estas tiuj krimuloj; ni estas honestaj, pacamaj, veramaj, toleremaj homoj", ripetas ja senlace nepripensemaj popolamasoj. Kaj vi, observanto, frapas la propran frunton kaj demandas vin, ĉu ĉio estas nur *„fata morgana"* de via fantazio, ĉu malnoblaj, eĉ kruelaj kaj brutaj agoj nenie okazas? Aŭ, se ili tamen okazas, ĉu ili estas nur specialaĵoj de tiu aŭ ĉi tiu nacio, al kiu vi feliĉe ne apartenas?

Kiom da blinda malamo! Kiom da malŝatinda memglorado!

Simila reciproka kulpigado, simila kontraŭesperantista pensmaniero enpenetras en la malnovajn Esperanto-gazetojn. Kaj je kies profito, je kies sukceso, je kies konvinko tio okazas?

Por pseŭdo-patriotaj dokumentadoj ne estas taŭgaj propagandaj Esperanto-gazetoj. Ĉu Napoleono aŭ Moltke estis adorindaj, ĉu Rhodes aŭ Muraviev estis grandanimaj homoj — similajn demandojn oni hodiaŭ nek en naciaj lingvoj nek en Esperanto pruvos al alilanduloj, ĉar ĉiu naciano havas jam de longe pli aŭ malpli ĝustan propran opinion pri siaj naciaj herooj.

Tamen oni povas kontraŭdiri: la Esperantistoj ne estas homoj de iu ajn fremda planedo; ĉiu spiradis la aeron de nia tero, ĉu sanigan, ĉu malsanigan, ĉiu amas sian patrolandon, ĉiu volas ĝin defendi, ĉiu sentas la fortan ligilon al samnacianoj, kiun kreis la sama historio, sama lingvo, samaj moroj, sama kulturo, sama lando.

Ĉu en la horo de granda danĝero ne estas ĉies devo, uzi ĉiujn rimedojn por materie kaj morale esti utila al la lando de la avoj kaj praavoj?

Ĉu estas krimo eĉ per internacia lingvo Esperanto agi por la bono de la patrujo, akirante simpation de neŭtralaj popoloj, diskonigante la veron en politikaj aferoj?

Certe ne; kvankam la diino „vero" estas nun dum la milito tiom malproksima kaj kaŝita post patriotaj nuboj, ke la redaktoroj, eĉ ministroj kaj scienculoj „ŝin" sensukcese serĉas.

Certe ni ne havas rajton protesti kontraŭ uzado de Esperanto por patriotaj celadoj laŭ la subjektiva opinio de iu ajn. Ni ne volas alproprigi al ni la rajton de ŝtataj cenzuristoj, nur kaŭze de tio, ke verko, malplaĉanta al ni, aperis en nia internacia lingvo. Estas ja konata kaj akceptita principo de la esperantistoj, neniel limigi la uzadon de Esperanto.

Sed alian aspekton havas la afero, se malnovaj Esperanto-gazetoj, kiuj de multaj jaroj bataladis nur por disvastigi nian lingvon, por realigi unu el la plej grandaj kulturtaskoj, kiuj dum multaj jaroj nur ĉitiucele estis fervore helpataj de oferemaj Esperanto-pioniroj, — se tiuj jurnaloj perdigas senpripense la ĝisnunan komunan laboron aŭ malfaciligas ĝin en la estonteco per ŝajne patriota manifestado kontraŭ aliaj nacioj kaj tiamaniere subfosas tre danĝere nian laborkampon postmilitan, — laborkampon, kiu estis kaj konforme al la celo povas esti nur *internacia*. Universala lingvo estas tute senvalora sole por iu aparta popolo, tute same kiel estas senvalora telefono en mia ĉambro, se mi nur interparolas kun mia apude sidanta familiano. Sed tuj ĝi fariĝas grava por ĉiuj popoloj sur internacia kampo, gravega sur scienca, arta, komerca, religia, socia, politika kampoj. Precipe sur la lasta kampo oni ofte aŭdigis esperojn tro malproksimen disvastiĝantajn.

Kaj nun? Permesu respondi al niaj ĝisnunaj kontraŭuloj.

„Vi estis kaj estas fantazio-plenaj revuloj; la realaĵoj de la vivo detruis viajn revojn ĉe la plejproksima okazo eĉ en viaj ĝisnunaj rondoj; la vivbatalado forblovis ĉiujn viajn etikajn kulturrevojn, inter ili ankaŭ vian revon pri artefarita neŭtrala lingvo."

Esperantistoj, ĉu ni volas dum la nuna terura katastrofo tiel agi, ke la opinioj de niaj ĝisnunaj, teoriaj kontraŭuloj estu de faktoj pravigitaj?

Vere, la multjara, grandega laboro de nia majstro kaj de ĉiuj sinceraj Esperantistoj ne estis egoista. Vi scias, Esperantistoj, kiom da malfacilaĵoj, kiom da antaŭjuĝo, kiom da apatio, kiom da kontraŭbatalado, sur falsa patriotismo bazita, ni devis suferi. Per tiom da laboro, per tiom da oferoj, — kiom da honorigoj, kiom da titoloj, kiom da materia profito ni povus akiri?! — kaj nun, ni portas private nur simplan, verdan steleton!

Ĉu ni nun volas prisemi per fi-semo nian etikan kampon, kiu estis kaj povas esti nur internacia, kaj kiun ni tiom penege kreis? Ĉu ĝi poste sufoku la atendatan rikolton?

La legendo pri babilona turo rakontas, ke la homoj ne povis daŭrigi sian entreprenon pro lingvaj diverseco. Ĉu ĉe ĉiu komuna laboro ne estas pli danĝera spirita diverseco?

Kaj tian diversecon ni nepre konstruas, se ni nun en kvazaŭpatriota ekscito inokulos en la korojn de niaj alilandaj samideanoj la malamon, la envion, la malestimadon kaj ĉiujn pasiojn de blinda fervoro.

Tial, Esperantistoj, ni ne perfidos la patrujon, se ni restos fidelaj al niaj principoj, al nia devizo: resti ĉiam „homoj".

*R. Maske.*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Bayer,** el Düsseldorf (German.).
**Bergsträsser,** el Leipzig (German.).
**Böcker,** el Düsseldorf (German.).
**Cadet,** el St-Remy (Franc.).
**Christlein,** el Nürnberg (German.).
**Coutelan,** el St-Remy (Franc.).
**Giersberg,** D-ro, el Berlin, garantianto de UEA.
**Richard-Deville,** el St-Remy (Franc.).
**Schwenke,** el Nossen (German.).

* * *

Ni kun ĉagreno eksciis la morton, je la 69a jaro, de Kapitano **L. E. Meier,** el München, unu el la plej malnovaj germanaj Esperantistoj. S-ro L. E. Meier estis fervora Volapükisto. Post la apero de Esperanto, li konvinkiĝis pri la supereco de nia lingvo kaj aliĝis al la tute juna Esperantista movado en 1888. Li estis unu el la fondintoj de la unua klubo en München, verkis la duan Esp.-germanan lernolibron kaj ofte kunlaboris je „La Esperantisto", speciale per tradukoj el diversaj germanaj aŭtoroj; inter aliaj, li tradukis Wilhelm Tell, de Schiller. Je la Idista krizo, S-ro L. E. Meier, kiu havis reformemajn tendencojn, ŝanceliĝis kelkan tempon kaj aliĝis al Ido. Sed li estis la unua el tiuj Idistoj, kiuj baldaŭ rekonis sian eraron, kaj per publika letero, li anoncis sian reiron al Esperanto, je kiu li restis fidela ĝis la lasta tago.

La 27 decembro 1915 mortis en Görkau (Bohem.) S-ro **Ed. Murath,** patro de S-ro P-ro Murath, propagandisto inter la germanaj instruistoj de Olomouc, kun kiu ĉiuj Esperantistoj simpatios pro la suferita perdo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BAKU (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro S. A. Vinnik, 88, Kamenistaja (kun gesamideanoj de ĉiuj landoj).

BAKU (Ruslando, Kaŭkazo). — S-ro S. Meĥmandarov, Realnoe uĉiliŝĉe PI, L, PM (aŭ albumoj de PK kaj Esp. gazetoj kun ĉiuj landoj).

BAÑOLAS (Hispanujo, Gerona). — S-ro Franc Mata, 27, plaza Constitucion, L, PI, PK (kun ĉiuj landoj).

CHICAGO (Usono, Ill.). — S-ro F. J. Kovarik, 2502, S. Kedzie Ave.

FIRMINY (Francujo, Loire). — S-ro Marius Caleyron, 28, rue Sadi Carnot.

GÄVLE (Svedujo). — S-ro P. A. Hellström, Brandstation, PI, L (ankaŭ kun fraŭlinoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Ghislain Debraz, belga internigita soldato, artillerie de forteresse, baraque 34 (kun ĉiulandaj samideanoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Fernando La Gravière kaj Marius Verraeghen, belgaj internigitoj, baraque 17 (kun ĉiulandaj samideanoj).

LUGANO-MASSAGNO (Svisujo). — S-ro Benicchio Alessandro, PI (kun ĉiuj en la tuta mondo).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Emilio Cambralla, 1576, strato Piedad, PK (prefere vidaĵoj pri urboj; kun alilandanoj).

PALMA DE MALLORCA (Hispanujo). — S-ro Nicasio Terrasa, 53, str. Union (kun ĉiulandanoj, precipe fraŭlinoj).

PARIS (Francujo). — S-ro Raymond Tauriac, 56, rue Montmartre, PM, L, PI, PK (reproduktaĵoj, pentraĵoj kaj skulptaĵoj).

PARIS (Francujo). — S-ro P. Muffang, Ecole J. B. Say, 9, rue du Buis, XVIa, L, PI.

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Charles Despeyroux, PM (kun komencantaj kolektistoj de aliaj landoj).

VLISSINGEN (Nederlando). — S-ro J. van Uden, ĉe H. M S. Hydra, PI (bfl, kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

AL MIAJ GEKORESPONDANTOJ! — Mi petas pardonon pro mia *ŝajna* malakurateco. Okaze de la milito, por mi estas riceveblaj *nur rekomenditaj* sendaĵoj el fremdaj landoj. Bonvolu reskribi, mi petas, *rekomendite.* La respondon mi garantias. N. Rudnickij, Taŝkent (Centra Azio Rusa).

ATENTINDA PROPONO. — Ĉeĥa samideano, komerca oficisto, scianta ĉiujn laborojn oficejajn, sperta korespondanto, franca, germana, itala, kaj kono de angla kaj kelkaj slavaj lingvoj, deziras ŝanĝi oficon. Libera je militservo. Proponojn oni sendu al la Centra Oficejo de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

KORESPONDADO. — Membroj de la Esperanto Lega Rondo de Regensburg deziras korespondi kun en- kaj eksterlandaj samideanoj. Oni sin turnu al S-ro Hans Meier, sekr., Stahlwingerweg 10, Regensburg (German.). Ĉar Esperanton ne permesas la cenzuro, oni laŭeble uzu germanan, francan, anglan aŭ italan lingvon.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO